# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**3a jaro** **Majo 1933** **N-ro 25**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



Tipografia CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## Acta de la Junta Central Ejecutiva de H. E. A.

En Madrid, a las diecinueve horas del día 10 de abril de 1933, en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros anotados al margen.

Dada lectura al acta del día 13 del pasado marzo, fué aprobada.

Se leyó el balance de cuentas de la Asociación, correspondiente al primer trimestre del año en curso; fué aprobado y se acordó insertarlo en la Revista, para general conocimiento de los asociados, y que, en lo sucesivo, se publique trimestralmente, en vez de hacerlo por años, como hasta aquí.

Se resolvió que, en vez de bordar el paño de la bandera con el título de la Asociación, se adquiera una corbata verde para la misma, sobre la que irá bordado en letras blancas dicho título, en esperanto y en castellano.

Se acordó pedir que el Gobierno envíe representante oficial al XXV Congreso Universal de Esperanto en Colonia; que las Compañías de Ferrocarriles concedan rebaja en el precio de los billetes para los Congresos nacional y universal del corriente año; que H. E. A. edite un anuncio sobre el viaje al XXV Congreso Universal, para dar a conocer las ventajas económicas considerables que se obtendrán sumándose a la caravana que, de acuerdo con la Asociación francesa, saldrá de París.

Se acordó que la Asociación delegue en el representante de la Asociación Francesa para la propaganda del Esperanto, para llevar la voz y voto de H. E. A. en la Conferencia que en la Pascua se celebrará en Ginebra para decidir sobre la organización universal esperantista y llevar a Colonia los acuerdos; Conferencia a que asistirán las representaciones de las Asociaciones que integran la Federación Universal Esperantista, de la Representación de las Asociaciones Nacionales de la antigua organización y la de Universala Esperanto Asocio.

Se acordó hacer lo posible por organizar un acto de propaganda en el Ateneo de Madrid, con proyección de películas, para estimular a participar en el viaje al XXV Congreso Universal de Esperanto.

Todos los acuerdos fueron tomados por unanimidad.

Y no habiendo más asuntos de que tratar, se levantó la sesión a las veinte horas de dicho día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

NOTA.—Asistieron el vicepresidente D. José Perogordo, el tesorero D. Julián Sosa, el vicetesorero D. Emilio del Barrio, el bibliotecario D. José Buzón, el presidente y el vicesecretario.

# ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## Balance de fondos correspondiente al primer trimestre de 1933

| | | PESETAS |
|---|---|---|
| *CARGO* | | |
| Existencia en metálico en 31 de diciembre de 1932...... | | 4.292,13 |
| Venta de obras, folletos e insignias........................ | | 286,15 |
| Cuotas de socios............................................ | | 1.504,40 |
| Subvención del Ministerio de Instrucción pública.......... | | 10.000,00 |
| Idem del Patronato Nacional de Turismo................. | | 2.500,00 |
| SUMA EL CARGO.................... | | 18.582,68 |
| *DATA* | | |
| Alquiler de casa (330 pesetas) y gratificación a la portera (30 pesetas) por limpieza del cuarto | 360,00 | |
| Facturas de la imprenta Chulilla y Angel...... | 1.308,00 | |
| Personal de Secretaría y Archivo............... | 360,00 | |
| Gastos menores, incluídos efectos de escritorio, timbres, pólizas, luz eléctrica y un nomenclátor de Correos........................ | 211,70 | |
| Giro de 250 francos suizos a Ginebra, para cuotas de U. F. E........................... | 595,75 | |
| Idem de 198 marcos oro a Colonia, cuotas de adhesión de 11 Maestros Nacionales al Congreso Universal................................ | 571,40 | |
| Deducido por la Hacienda, al abonar la subvención del Ministerio de Instrucción pública | 387,50 | |
| Idem por el Patronato Nacional de Turismo, por el impuesto del 1,30 por 100 de pagos del Estado y timbre del recibo.............. | 35,75 | |
| SUMA LA DATA......... | 3.830,10 | 3.830,10 |
| EXISTENCIA.......................... | | 14.752,58 |

Madrid, 31 de marzo de 1933.—Intervine: El Secretario, *Mariano Mojado*.—El Tesorero, *Julián Sosa*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

# IN MEMORIAM

*A la señorita Marina Mangada Sanz.*

El seco sonido de un disparo ha cortado el hilo que sujetaba a una existencia.

En este mes, en que, con el anuncio de una primavera espléndida, las flores comienzan a abrirse, y en el que el sol disipa el frío del ambiente y del alma, invitando a gozar y expansionarse, hay, sin embargo, sentimientos y voluntades que no despiertan a este conjuro de la luz y del aire, atendiendo sólo los reflejos interiores que aceleran o detienen el latir en las arterias. Almas sublimes apartadas por completo de la vulgaridad del cotidiano vivir, y cuyos cerebros no comprenden la vida sin el logro de sus anhelos o el triunfo de sus ideales.

Es extraordinario el caso de esta bella mujer, en cuyo espíritu se encontraban aunadas la férrea voluntad de la juventud moderna y el misticismo romántico de la edad pasada...

Con su mano fina de muchacha elegante, ha desgarrado el velo del «más allá», y no sabemos qué puertas se habrán abierto ante el talismán de sus pocos años, sacrificados voluntariamente, ni qué horizontes nuevos se habrán ofrecido ante su alma, ávida de desplegarse y encontrar el verdadero amor, la paz que a los que vivimos nos está vedado conocer. Lógicas ansias de espíritus elevados, a quienes atrae lo desconocido, que juzgan más hermoso que la vida misma...

Sean estas líneas ramillete de siemprevivas que ofrendo a su recuerdo.

LUCRECIA DE SAN ANTONIO

30 abril 1933.

# ESTIMINDA VIZITO

La kvaran de aprilo, geedzoj Arger, el Francujo, honoris la sidejon de H. E. A. per vizito okaze de vojaĝo en nian landon. Ili esprimis al ni tre entuziasme kortuŝe parolojn de dankemo kaŭze de la sindonema kaj tutkora akcepto, kiun la Hispana Esperanto Asocio faris al nia neforgesebla T. Cart okaze de la Kongreso de Sevilla, je 1928. Ĉar la geedzoj estis disĉiploj de nia plorata Cart, kiu altestimis ilin kaj al kiu li ofte entuziasme parolis pri sia bela vojaĝo al Madrid-Sevilla kaj pri la esperantismo de la hispanoj. Pacon kaj lumon al la glora franca apostolo de Esperanto, S-ro Cart; feliĉan vojaĝon kaj revenon en ilian hejmon al geedzoj Arger.

# IN MEMORIAM

*Al F-ino. Marina Mangada Sanz.*

Akre fulme aŭdiĝas pafo, kiu tranĉas la fadenon de vivo.

Je ĉi tiu tempo, kiam la miriganta printempo elvidiĝas ravante ekfloriĝante; kiam la suno forigas la malvarmon de la enaero kaj de la animo, stimulante al ĝuo kaj ĝojo, tamen, estas sentoj kaj memvoloj, kiujn ne vekas la viviganta forto de la lumo kaj de l' aero, ĉar ili nur atentas la internajn spiritfluojn akcelantajn aŭ malakcelantajn la pulsobaton. Superaj animoj kies vivo apartiĝadas tute de la vulgara ĉiutaga vivo, kaj kies menso ne konscias la vivon sen la trafo de iliaj amceloj aŭ sen la triumfo de iliaj idealoj.

Estas eksterordinare konfuzige, ke ĉi tiu bela virino, kies spirito enhavis kunigite feran memvolon de la moderna junularo kaj romantikan mistikismon de la pasinteco...

Per sia delikata mano la eleganta fraŭlino ŝiris la vualon de «*la eterneco*», kaj ni ne scias, kiuj pordoj malfermiĝis antaŭ ŝia juneco memvole oferita, nek kiuj novaj horizontoj elmontriĝis antaŭ ŝia animo avida flugi libere al la vera amo, al la paco, kiun la vivantoj ne povas koni ĉar ĉi tio estas malpermesata al ni. Logikaj animceloj de superaj spiritoj, kiujn allogas la nekonata mistero de la postmorto; kiun tiuj spiritoj juĝas pli bela ol la vivo mem...

Estu ĉi tiuj linioj bukedo al ĉiamdaŭraj floroj oferita de mi al ŝia rememoro.

Lucrecia DE SAN ANTONIO

30an aprilo 1933.

# GRAVA SCIIGO

La Tutmonda Asocio de Geinstruistoj (TAGE), per letero de la 21 de la ĵus pasinta februaro, esprimas varman gratulon al nia Asocio, konsiderante ke la malfermo de kursoj por geinstruistoj estas grandega sukceso, ke ĉi tiu sukceso estas pli grava ol iu ajn konferenco aŭ decido favora al esperanto.

La TAGE decidis donaci jarkolekton de la fama gazeto «Internacia Pedagogia Revuo» kiel specialan donacon de la tutmonda esp-instruistaro. Ankaŭ ĉi tiu Asocio petas interrilatiĝon kun ĉiuj geinstruistoj apartenantaj al H. E. A., por kio estas petate sendi la adresojn al la administranto de la citita gazeto, S-ro Kurt Hofmann. - Felgenhauerstrasse, 63. RIESA (GERMANUJO).

# AL MIA AMIKINO

Pensoj, kiujn mi verkis gvidate de mia tuta fido kaj de mia anima amo, dediĉitaj al Marina Mangada Sanz, mortinta je la 18ª de marto de 1933.

* * *

*Ke la paco fortigu vian spiriton; en tiu soleco vi konscios la ĝojon pri la nekonateco.*

* * *

*Via animo vibros ĉe la harmonio; ĉe tiu harmonio, kiu estas Lumo kaj Silento... kaj Pleneco.*

* * *

*La Scio liveras la komprenon. La kompreno estas la alĝustigo de la ĝuo kaj de la doloro.*

* * *

*La iluziaĵo vidigas falsajn helaĵojn dum la nokto. La realaĵo lumigas nin per diafana helo. Via vekiĝo en ĉi tiu fruktodona lumo estu feliĉa.*

* * *

*Trafi la Scion estas trafi la evoluon.*

* * *

*Serĉu la Veron; ĉi tiu gvidos vin al Memperfektiĝo.*

* * *

*Paco, Lumo, Scio estas la samo: Liberiĝo.*

* * *

Fratoj: viaj pensoj estos multe pli profundaj kaj konsciaj, ol la devenintaj de mia malgranda intelekto. En via menso amasiĝos pli subtilaj kaj belaj bildoj; elvidigu, elesprimu ilin, esperante ke ili kunfandiĝu kun la animo de ĉi tiu nobla virineto, kies aŭreolo de granda simpatio alloganta persistados en ĉiuj, kiuj povis ĝin konstati kaj ĝin kompreni.

*Hispane verkis:* LUDOVIKINO G.-LINERA
*Esperantigis:* HOMARANO

## GRAVA PERDO POR ESPERANTO

La 7an de la ĵus pasinta marto mortis la fidela kunulo de nia plorata apostolo T. Cart, la anstataŭinto lia en la prezidanteco de la Akademio, la nobla, fidela al la *Lingvo* kaj al *Ĝia Interna Ideo*, S-ro John Mabon Warden. Tre sindonema kaj entuziasma, li, dum sia tuta vivo, morale kaj mone subtenis la *sanktan aferon*, ĉar li estis vera sekvulo de la Majstro, ankaŭ vera apostolo, alloganta, modesta, intelekte grandkapabla, grandanima, fervora.

Mi havis la grandan ĝojon intimiĝe kun li de la Berna Kongreso, je 1913, kiam unuan fojon mi ĉeestis Kongreson, kaj kiam mi konis la Majstron, generalon Sebert, Th. Cart, kaj Boirac, malfeliĉe jam mortintaj. De kiam mi lin konis, ekestis inter ni reciproka alta estimo.

La Brita Esp-Asocio akceptu la koran kondolencon de la Hispana Esp-Asocio kaj mian sinceran profunde koran bedaŭron

J. MANGADA ROSENÖRN.

## 10ª Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio

### Santander, 20-24 Aŭgusto 1933

### OFICIALAJ SCIIGOJ

La L. K. K. entuziasme laboradas je la organizo de nia nacia Kongreso, kiu meritas ĉiesan apogon, ĉar la cirkonstancoj kiuj favoras ĝian sukceson estas eksterordinare frapantaj. Tuj post la decido de la Madrida Kongreso okazigi la dekan en Santander, la Ministro de Popolklerigado S-ro De los Ríos sciigis sian gravan planon pri fondo de la Internacia Somera Universitato en la sama urbo, kies inaŭgura kurso koincidas kun la dato de la Kongreso. Ne necese akcenti la gravecon de la okazo, kiun ni eluzos por efika propagando ĉe la studentaro kaj profesoraro diversnaciaj.

Tagojn antaŭ nia kunveno ankaŭ havos lokon en Santander la Internacia Kongreso de Instruistaj Asocioj, kiun certe ĉeestos eksterlandaj samideanoj kiuj eble partoprenos la esperanto-kongreson. Ili estas petataj sciigi sian alvenon al la Kongreskomitato laŭ la suba adreso.

Ni insiste kaj kore invitas la fremdajn esperantistojn al la Kongreso. Jen kelkaj informoj por ili: Unuaklasaj hoteloj, kompleta pensiono, de 12 ĝis 50 pesetoj. Pensionejoj, de 8 ĝis 15 pesetoj. (Ankaŭ pli malkare). La plej proksima stacio ĉe la franca limo estas Irún; prezo de la fervojbileto por la unua klaso, 32,75 pesetoj; por la

dua klaso, 25,20 pesetoj, kun transvagoniĝo en San Sebastián kaj Bilbao. Veturtempo, 10 horoj.

Laŭ sciigo en la marta numero de HISPANA ESPERANTO-GAZETO, la Nacia Patronaro de Turismo donacis al la Asocio 2.500 pesetojn por publikigo de turismaj presaĵoj en esperanto. H. E. A. tuj eklaboris kaj la unua pruvo estos la baldaŭ aperonta grava kaj belege riĉe ilustrita gvidlibro pri Santander, urbo kaj provinco, kiu estas rimarkinda laŭ arta kaj literatura vidpunktoj. Grupoj kaj societoj de la tutmondo skribu petante ĝian senpagan alsendon de la Patronato Nacional del Turismo, Strato Medinaceli, 2, Madrid (Hispanujo), dankante samtempe la estraron de la patronaro. (*Gazetoj bonvolu represigi tiun ĉi alvokon !*).

Do, ĉio enreliĝas bone al la plej brila sukceso. La samideanoj de Gijón intencas organizi grandan karavanon al la Kongreso ; eble same faros tiuj de la proksimaj lokoj Bilbao, Baracaldo, Sestao, k. t. p., kaj la ceteraj provincoj estos bone reprezentataj. Helpu ĉiuj, kolektu aliĝojn kaj frue sendu ilin.

Jen la dua listo de aliĝintoj :

N-ro 20. S-ro Urbano Gómez Collado, Santander.
» 21. » Atanasio Felguercso, San Julián de Bimenes (Asturias).
» 22. » Ramón Pérez, Santander.
» 23. » Esteban Muñoz, Baracaldo.
» 24. » Fernando Soler, Barcelona.
» 25. » Delfín Dalmau, Barcelona.
» 26. » Luis Talma, Fuenmayor (Rioja).
» 27. Grupo Esperantista de Córdoba.
» 28. S-ro Julián Sosa, Madrid.
» 29. » Luis Campos, Barcelona.
» 30. » Honorato Moncalvino, Los Cabos. Pravia (Asturias).
» 31. S-ino Josefa Sanz de Mangada, Madrid.
» 32. S-ro Julio Mangada Rosenörn, Madrid.
» 33. » Luis Mangada Sanz, Madrid.

Kiu sekvos ?

Ĉiu aliĝintoj al nia NACIA KONGRESO ricevos senpage la belan libron «Santander», kiu kun la bela insigno estas granda kompenso al KVIN PESETA elspezo.

Santander, 18 aprilo 1933.

Ateneo Popular, Lepanto, 5. La monon sendu al S-ro A. Tomas Iglesias, strato Hernán Cortés, 8. Santander.

# DU EMINENTAJ JAPANOJ PLEDAS POR ESPERANTO

## LA OPINIO DE S-RO EKSMINISTRO YUKIO OZAKI

S-ro Yukio Ozaki, fame konata maljuna parlamentano, skribas en sia artikolo «Anstataŭ mia tombosigno», kiun li publikigis en la unua nunjara numero de la gazeto «KAIZO» (=REORGANIZO), koncerne Esperanton:

Nuntempe oni povas ĉirkaŭvojaĝi la mondon en malpli ol unu semajno, kaj en proksima estonteco oni povos pli kaj pli malongigi la vojaĝtagojn. Jam certa sinjoro asertis, ke unu tago sufiĉos por tiu ĉi celo. Jes, la progresado de civilizacio tiel mallongigas la distancon inter lando kaj lando. Kaj tio destinas ĉiujn popolojn esti kvazaŭ unu granda familio. Sed kiel malsaĝe estas, ke nuntempe multaj ankoraŭ havas la samajn ideojn, kiujn oni havis tiam, kiam oni bezonis multajn monatojn por ĉirkaŭvojaĝi la mondo! Inter nacio kaj nacio nun ankoraŭ oni uzas diversajn lingvojn, dank' al tio malfacila estas interŝanĝo.

Se oni prudente konsideras la feliĉon de la tuta homaro, nepre, antaŭ ĉio oni devas ekpensi pri la neceseco de internacia lingvo. Kiel, do ni povos elekti unu lingvon el la multaj nunaj lingvoj kiel internacian?

En Eŭropo oni lernas kelkajn fremdajn lingvojn en la lernejo krom la nacia lingvo. Ankaŭ en Japanujo oni instruas alilandan lingvon en mezegradaj lernejoj. Sed ĉiu nacio devus lerni la saman lingvon kiel internacian. Preferinde estus por ni, ke la Ligo de Nacioj elektu unu el la idealaj lingvoj, kaj tiun difinu kiel lingvon internacian. Ĉiu nacio ĝin enkonduku kiel duan lingvon kaj instruu ĝin kiel devigan fakon en la elementaj lernejoj.

Por ĉi tiu celo la franca lingvo estus ne malbona, ŝajnas al mi. Vere ĝi estas flua kaj agrabla por la orelo, kaj iam ĝi estis oficiala diplomatia lingvo. Dume la angla lingvo estas la unua laŭ la vidpunkto de disvastigiteco tra la mondo. Do ankaŭ ĝi estus ne malbona.

Tamen, ĉu pro naciismo ĉu pro aliaj similaj kaŭzoj, neniu nacio konsentos enkonduki alilandan lingvon en sia lando kiel internacian. Kaj tial oni ne povos elekti komunan lingvon el la nunaj naciaj lingvoj. Oni do devas sin turni al artefaritaj idealaj lingvoj kaj antaŭ ĉio al Esperanto. Ĉi tiu lingvo estas tiel facile ellernebla, ke ĝin povas lerni eĉ japanoj, kiuj estas malmulte kapablaj por lerni fremdan lingvon kaj tial en internaciaj aferoj ĉiam staras flanke malfavorataj de tio. Jes, ni

japanoj ne povas eĉ paroli bone post kelkajaraj penoj en angla lingvo, en franca en germana en itala same. Sed en Esperanto tute kontraŭe! Ni povas ĝin utiligi post lernado dum kelkaj monatoj. Ĉi tion ni devas alte taksi kaj bone memori, mi pensas.

Laŭ mia opinio, la Ligo de Nacioj devas organizi komitaton de lingvo fakuloj, por enketi pri internacia lingvo, antaŭ ĉio se ĝi volas funkcii vere efikplene por la bono de la homaro tutmonda.

S-ro Yukiteru Ozaki, filo kaj sekretario de la maljuna estimata politikisto, mem estas fervora esperantisto. Mi esperas ke niaj samideanoj en ĉiuj partoj de la mondo skribos sian opinion al lia adreso: S-ro Yukiteru Ozaki, 11-885, Higasi Magonse-mati, Oomori-Ku, Tokio (Japanujo).

## KION RADIOPAROLADIS LA URBESTRO DE TOKIO S-RO HIDERJIRO NAGATA

S-ro Hideĵiro Nagata, urbestro de Tokio, paroladis el la radio J. O. A. K., la 4an de januaro, pri la temo: «Japanujo kaj ĝia stato en la mondo», kaj ĉiuj enlandaj stacioj ĝin transprenis kaj dissendis same. En la parolado li diris pri nia lingvo:

Mi esperas, ke ĉiu nacio uzos Esperanton kiel internacian lingvon. Mi lernis en miaj lernejoj tagoj la anglan kaj germanan lingvojn, sed ambaŭ tute ne utilas al mi. Kiam mi parolas angle, anglo neniam povas min kompreni. Oni diras, ke japanoj estas mallertaj en alilandaj lingvoj, kaj en la Ligo de Nacioj pro tio nia reprezentataro nevole ĉiam trovas malmulte da intereso. Kiam ni deziris okazigi la 12an Olimpian Kongreson en nia lando, malhelpis nin la fakto, ke ĉe ni troviĝas tro malmulte da parolantoj, kiuj kapablas flue paroli en pli ol tri alilandaj lingvoj. Ni povas trovi inter ni homojn kiuj povas paroli angle, france kaj germane, sed tre malmultajn kiuj parolas ruse itale, eĉ ne konsiderante la hungaran etiopian lingvojn.

Nuntempe ne ekzistas granda distanco inter unu nacio kaj la alia. Kaj tial la nacioj nepre devas uzi inter si internacian lingvon.

En la Ligo de Nacioj oni pli saĝe servus al la homaro tutmonda, mi pensas, se oni faru rezolucion pri la uzo de internacia lingvo Esperanto, anstataŭ diskutadi pri superflua problemo koncerne Manĉurio, tute ne bone konata de malproksimlandanoj, kiuj havas neniam rilatojn kun ĝi. Lastatempe S-ro Ozaki skribis pri Esperanto en certa gazeto, kaj mi povas kuraĝe diri, ke mia opinio estas tute sama kiel la lia, almenaŭ pri ĉi tiu problemo.

Antaŭ ni posedis la metromezurilon, ni devis uzi diversajn mezur-

ilojn, sed nun ni povas facile kaj oportune esprimi iun longecon laŭ nura kriterio de metremezurilo. Ĉu ekzistas iu homo, kiu dubus pri la utileco de la metrosistemo? Se metrosistemo estas tiel utila al ni, do, kiam ni uzos komunan neutralan lingvon inter nacioj, ni povas facile imagi, ke ĝi alportos al la homaro senmezure grandan feliĉon, mi kredas.

Ni japanoj, mi pensas, estas destinitaj akcente insisti pri la uzo de la internacia lingvo. Antaŭ kelkaj jaroj mi farigis epitafon por la mortintoj pro la granda tertremo, krom en japana lingvo ankaŭ en Esperanto, por ke ĝi restu post dekmil jaroj.

Ne parolante pri tiel malproksima estonteco, mi opinias, ke jam nun estas la tempo, en kiu ni devas utiligi Esperanton kune kun la metrosistemo.

(Adreso de la urbestro estos: S-ro Hideĵiro Nagata, 83 Zosigaya, Koigava, Tokio. Japanujo).

---

## GRAVAJ VIROJ POR ESPERANTO

La subskribintoj, delegitoj ĉe la 3ª Balkana Konferenco Kunveninta en Bukureŝto, deziras al ĉiuj subtenantoj de la granda ideo de internacia helpa lingvo grandan sukceson en ilia klopodo por la fina venko de tiu ideo.

*Grigore H. Trancu-Iasi.* Estinta rumana ministro de laboro.

*Stellian Popescu.* De la Studkomisiono de Komerca Ĉambro en Bukureŝto, membro de la Delegitaro por Ekonomia Vivo kaj Trafiko.

*Jean Bart.* Verkisto, membro de la Marista Delegitaro.

Profesoro *Milista Topalovici.* Membro de la Delegitaro de la Jugoeslava Registaro.

Doktoro *Sotiriades.* Membro de la Greka Delegitaro.

Profesoro *R. Quidde.* Delegito de la Ligo de Nacioj (ricevinto de Novel-premio por la paco), aldonas:

«Mi bedaŭras ke mi neniam lernis Esperanton, sed laŭ miaj spertoj dum internaciaj Kongresoj, mi opinias, ke estas dezirinde, ke internacia helpa lingvo superfluigu la hodiaŭan tedan uzon de tradukoj. Tiun taskon Esperanto—la sola tia lingvo priparolinda—povos plenumi nur tiam, kiam la instruado de ĝi estos deviga en ĉiuj landoj, tiel ke oni povu postuli ĝian konon de ĉiu partoprenanto ĉe internacia kunvenoj.»

(El *Heroldo de Esperanto*).

## BONVENON KAJ BONREIRON

Tute certe Hispana Esperanto Asocio trafe helpis la celon de la polaj samideanoj, kiuj faradas laboron ĉe la turista kampo por vidigi utilon kaj praktikecon de esperanto por varbi la polojn al plebiscito pri enkonduko de esperanto en la publikan instruadon. Turistoj, spertinte bone pri la utilo de esperanto, fariĝos certe favoraj al plebiscito. Sciinte ke nia eminenta samideano D-ro Odo Bujwid, profesoro de la Krakova Universitato vojaĝis kun multenombraj polaj turistoj per la ŝipego «Polonia», kaj ke li estus profitonta la marvojaĝon kaj vizitadon de urboj por propagandi esperanton kaj elpruvi utilon de la lingvo, H. E. A. komunikis al Málaga, Córdoba kaj Sevilla, la novaĵojn, por ke la samideanoj helpu la celon de S-ro Bujwid elpruvante utilon de esperanto.

Tial, la 15an de aprilo, alvenis al la Málaga haveno la ŝipego «Polonia», kie atendis kaj akceptis la eminentan polan samideanon ĉefinstruisto Serafeno Baŭdin, propagandisto Ajo, parlamentano Azorín kaj multaj lernantoj de la kursoj Ajo kun flirtanta verda flago. La samideanoj faris la eblon agrabligi la ĵus alvenintojn.

Ankoraŭ detale ni ne scias pri la akcepto en Sevilla, sed ni konstatas, ke la samideanoj de Sevilla, speciale S-roj Martínez kaj Fiol same sin kondutis helpante amike kaj sindoneme la viziton de la urbo kontentigante S-ron Bujwid.

Kvazaŭ fulma estis la vizito al Córdobo, kaj ĉi tie kore akceptis S-ron Bujwvid familio Azorín kaj aliaj amikoj.

H. E. A. esprimas bonvenon al S-ro Bujwid kaj deziras al li feliĉan reiron al Polujo kaj fruktodonan impreson sur liajn kunvojaĝantojn pri utilo de esperanto dank' al sintenado de niaj samideanoj kaj al tiu de portugalaj, francaj, k. t. p. samideanoj.

---

## P-RO. ODO BUJWID, EN SEVILLA

Grupo el samideanoj de Sevilla sub prezido de la prezidanto de la Grupo, S-ro. Rafael Fiol, kaj de la andaluzia voĉdonanto de la H. E. A.-Komitato, S-ro. Karlo Martínez, kaj de germana samideano S-ro. Dopp, atendis sur la kajo la alvenon de la ŝipo «Polonia» tenante alten esperantan flageton. Ĵus alveninta la ŝipo, S-ro. Bujwid vidis la flagon, kaj sekve li de la ferdeko alparolis al la atendintoj,

elmontrante grandan kontenton kaj impresante siajn kunvojaĝantojn kaj la publikon.

La samideanaro eniris la ŝipon kaj salutis la eminentan profesoro de la Krakova Universitato skizante al li planon por viziti la urbon, kaj S-ro. Martínez, je la nomo de Hispana Esp.-Asocio donacis al li du librojn (*Raporto de la VIIa Nacia Kongreso de Esperanto en Sevilla* kaj la ilustrita *Gvidlibro de Sevilla*). Nia kara pola samideano kore dankis la donacon, kiu estis farata en la ĉeesto de iuj polaj gevojaĝantoj, por plej bona propagando, ĉar S-ro. Bujwid trafis gvidi kurseton dum la vojaĝo, kaj tiu ĉi kurseto kun la spertado estos fruktodona.

Tutan dimanĉan matenon, la seviljaj samideanoj akompanis S-ron. Bujwid por vidigi al li la belaĵojn de la Parko, la Palacojn de la jus pasinta Ibero-Amerikana Ekspozicio, la Placojn de Hispanujo kaj de Ameriko, kiuj mirigis kaj plenĝojigis lin. Postagmeze, kun la sama akompano, S-ro. Bujwid povis admiri la statuarojn de iuj preĝejoj famajn. Ankaŭ li supreniris la gracian belegan turon «*Giralda*», kaj tiel plenĝoje li sin sentis rigardante la mirindajn panoramojn de la urbo kaj de la kamparo, ke li restadis tie dum unu horo kaj bedaŭris forlasi la ensorĉantan lokon, konstatante ke li volis ĝuadi de tiu rigardejo kiel tre malofte okazis al li.

Dum la nokto li vizitis la tipan kvartalon de *Santa Cruz*, gvidate kaj informate de la samideanoj de Sevilla, akompanate de aliaj polaj ekskursantoj.

Lundon, li iris sub gvidado de turista agento: mardon, li vojaĝis al Córdoba kaj reveninte je la sama tago, je la nokto, la samideanaro gvidis la profesoron kaj iujn liajn gekunvojaĝantojn en la tipan FOIRON: ili vidis iujn barakojn, tipajn dancojn, aŭdis la tipajn kantojn, kaj ĉio ravis la polajn vizitantojn precipe S-ron. Bujwid pro la rekta interkompreniĝo kaj sindonemo kaj gastemeco de la *seviljanoj*. La polaj geekskursantoj restis profunde kore impresitaj de tiu vizito al la FOIRO, ĉar lumo, ĝojo, koloro, ŝaloj, virinoj kun tipaj vestoj, kantoj, dancoj, floroj, muziko, k. c., faras la scenojn allogantaj, ravantaj, neforgeseblaj, des pli dank' al gastemeco kaj sindono de la seviljanoj. Eĉ S-ro. Bujwid decidis gustumeti la andaluzian vinon, kiun li ŝatis kaj laŭdis. Post ĉi tiu vizito al la FOIRO la samideanaro adiaŭis S-ron. Bujwid tute frate, dezirante al li feliĉan revenon al Polujo.

D-ro. Bujwid esprimis sian koran dankon kaj elmontris grandegan kontenton pro la akceptoj de Málaga, Córdoba kaj Sevilla.

KARLO MARTINEZ

## KLARIGOJ

Ĉar bedaŭrinde estas iuj, kiuj semas kaj semadas por malsukcesigi la pure esperantan laboron faratan de H. E. A., nepre estas rekonstati, ke nia Asocio neniel enmiksiĝas en laboron de aliaj esperantaj organizaĵoj enlandaj por malebligi ilian esperantan laboron; ke, male, ĝi decidis fari la eblon por faciligi laboron ties, konsiderante *ke esperanta laboro estas io komuna kaj ĉiam helpinda.* Se vi tralegus ĉi tiun oficialan organon de H. E. A., nenie vi trovus eĉ cenzuron malpli atakon, kiun juste oni povas alnomi *defendo kontraŭ la atakoj ies, kontraŭ la senfundamentaj atakoj ies*; sed laste, ĵuse, estis semataj diroj, kiuj postulas nepre ĉi tiujn klarigojn:

Estas decidite firme, ke H. E. A. ne sin elmontru opiniante iel pri verko iu ajn el la ĝeneralaj pri instruado de la lingvo (gramatikoj kaj komunaj vortaroj), ĉar estas inter ni (ĉe H. E. A.) multaj aŭtoroj, kaj H. E. A. devas resti ĉiam neŭtrala pri ĉi tio. Tamen, iu en bulteno aŭ revueto parolis pri eldono de vortaroj per la mono de H. E. A., kaj ĉi tio, kvankam ĝi estu dirita de la supoza vidpunkto, estas kondamninda, bedaŭrinda; pro kio mi diras por scio ĉies:

La oficiala organo de H. E. A. nur recenzas kaj konigas la verkojn, kiam la aŭtoroj sendas du specimenojn kaj kiam la verkistoj sciigas pri la verkoj.

Iam S-ro Vicente Inglada petis de mi fari recenzon pri lernolibro verkita de unu el siaj filoj, kaj mi diris: «*faru vi mem la recenzon, kaj nia gazeto publikigos ĝin.*» Tiel estis; kaj en la oficiala organo de H. E. A. aperis la recenzo de la verko.

La Direktanta Komitato de H. E. A. ĝentile akceptadis ĉiujn samideanojn, kiam ĝi kunvenis, opiniante esti konvene koni iniciatojn ĉies eĉ per partopreno en la laboroj de la kunvenoj; tiel okazis ĝis antaŭ malmulte. Pro tio, dum kunveno, iam, estis iniciato pri propagandfolio entenanta tutan elementan klarigon pri esperanto, kaj la kunveno akceptis proponon de S-ro Inglada por eldoni folion tian laŭ franca folio, kiun li iam ricevis kaj havas; sed, alian tagon, S-ro Inglada esprimis la neeblecon imiti la francan folion, kaj sekve estis mi, kiu sin decidis prezenti la propagandilon. Kaj fine, H. E. A. povis eldoni la 12.000 unuajn propagandilojn «*¿Qué es el Esperanto?*» Sed estis opinioj ĝeneralaj poste kompleti la propagandilon tiel, ke ĝi fariĝu kompleta lernolibreto kun temaro, vortareto, k. c., kaj ankaŭ mi ampleksigis la ŝlosilan vortaron, kaj faris la lernolibreton tia, kia estas due eldonita (12.000 ekzempleroj novaj).

Estis celo de la Komitato, ke H. E. A. estu utila al siaj membroj

liverante al ili preskoste ĉion eldonotan; kaj tial, ne nur la komitatanoj dum la kunveno, sed aliaj samideanoj ankaŭ, decidis eldoni unue la versaĵaron de nia mortinta kaj eminenta samideano Rafaelo de San Millán, kaj poste la «Kreitaj Profitoj» de Benavente, kiun tradukis S-ro Vicente Inglada, ĉar ĉi tiu S-ro sindone akceptis proponon por eldoni la tradukaĵon ricevante 200 ekzemplerojn el la verko. Poste la Komitato, konsiderante la gravecon de la Terminologio de nia samideano S-ro Azorín, proponis al li eldoni lian verkon, ĉar tiel H. E. A. liveros al esperantismo la gravegan verkon, influante per ĝi sciencajn kaj aliajn rondojn al atento kaj akcepto de esperanto, farante tiel laboron interesan, gravan, utilan por ĉies.

Nun, mi, dum pasinta kunveno de la Komitato, faris proponon pri celo, laŭ kelkaj kondiĉoj, al H. E. A. de pli ol 4.000 libroj kaj broŝuroj de mi eldonitaj, de kompletaj kolektoj miaj de «Hispana Esperantisto», de esperantaj libroj miaj, de multenombraj kolektoj el fremdaj gazetoj pro interŝanĝo kun mia gazeteto; kaj la cedo estas ankaŭ pri la propreco. La kondiĉoj de mi postulitaj estis tiaj, ke la komitatanoj eĉ juĝis ilin laŭ la proverbo de l' «sastre del cantillo...» (la tajloro de la stratangulo...), t. e., *ke mi donas kaj nenion ricevas*, ĉar mi proponis, ke H. E. A. ricevu miajn librojn kaj pagu la eldonon de tute esperanta libro por rekte kaj rapide lernigi esperanton entenanta mian elĉerpitan «Helpanta Temaro» kaj multenombrajn historietojn kun karikaturoj, cedante ankaŭ al H. E. A. la eldonon kaj la proprecon por ĉiam. Ĉi tiu afero restis por opinii ankoraŭ ĝis nova kunveno de la Komitato, laŭ mi proponis.

Nenio alia ĝis nun pri eldono de verkoj estas decidita; estas, do, bedaŭrinde dissemi parolojn, vortojn, pri eldono de la vortarego de S-ro Mariano Mojado per mono de H. E. A.; ĉi tiu neniam kaj neniel tiel agos. La oficiala gazeto de H. E. A. parolis pri la vortaro de S-ro Mariano Mojado, ĉar ĉi tiu S-ro laboradas de antaŭ sufiĉe da tempo, kaj la plimulto el la malnovaj membroj de la Asocio konas lian obstinan pezan laboron; ĉar multaj heaanoj demandadis pri la fino de la laboro, kaj sciinte ĉi tiun, demandis pri la apero. Mi sciis pri la fino de la verko, pri ĝi, pri la decido de la verkisto por ĝin eldoni grandnombre, por kio li esploris presejojn; mi sciis pri la demandoj, kaj jen kial mi verkis kaj aperigis la novaĵon por komplezo de la demandintoj, por ĝojo ĉies (hispanoj kaj fremduloj) pro la graveco kaj amplekso de la verko, kaj tial ke S-ro Mojado, diplomito esperanta de diversaj fremdaj esperantaj Asocioj, premiito de la famega gazeto «La Ondo de Esperanto», licenciato pri Filozofio kaj Beletristiko, eksprofesoro en Hispanujo kaj dum dekkvar jaroj en Usono, k. c., estas al ni fidinda por la laboro aludita. Same, kiel ni faris pri la

vortaro de S-ro Mojado, ni estus farintaj pri nova vortaro de S-ro Vicente Inglada, se ni estus konintaj samajn detalaĵojn pri lia verko; kaj ni tiel estus farintaj ankaŭ kun granda ĝojo kaj por ĝojo ĉies, ĉar ankaŭ ni ĝujas fidinda por tiu laboro S-ron Inglada, kiun ni ĉiam honoris, ĉar li estas unu el plej eminentaj esperantistoj, eminenta tutmondfama sismologo kaj geografia inĝeniero, membro de la Hispana Akademo de Sciencoj, eksprofesoro de la Supera Staba Lernejo, k. c.

Ni avide deziras vidi la vortarojn; la aŭtoroj celu aperigi ilin, kaj la esperanta publiko certe aĉetos ilin, ĉar ilin ni bezonas, kaj ili havas vastan kampon por sukcesi. H. E. A. Komitato nur deziras al ambaŭ aŭtoroj sukceson kaj neniel povas sin klini al unu aŭ al alia.

Skribinte la antaŭan tekston, trafas min «Progreso Esperantista« —Jaro III$^{a}$, N-ro. 10$^{a}$, marto 1933—, Informanta Bulteno de la «Hispana Esperantista Konfederacio», kaj nepre necese estas ampleksigi ĉi «Klarigojn»:

En la unua paĝo, en la mezo de la dua kolono proksimume, parolante pri «Delegitara Kunsido» estas paragrafeto, kiu diras: «*S-ro. Orós rememorigas ke la unuaj paŝoj de la Konfederacio estis fari enirinviton al H. E. A., sed tio estis tuj persone malakceptita de la tiama pro vizora prezidanto S-ro. Mangada.*» La dirinto, S-ro. Orós, devis diri, ke la «*enirinvito*» estis konsekvence de letero mia, kiel prezidanto provizora de H. E. A. post unuanima decido de la Komitato, laŭ opinioj de la Komitatanoj kaj de la heaanoj por trafi unuigi la hispanajn esperantistojn; tial la letero *ne estis persona, sed oficiala de H. E. A.*, se ne estus tiel, *mi ne estus povinta proponi kvar paĝojn de* HISPANA ESPERANTO-GAZETO por tute libera publikigo eĉ sen partopreno de korektado kaj sub titolo donita de la invititoj. La invititoj, S-ro. Orós k. c., respondis la iniciatojn de H. E. A. *per invito al eniro en la Konfederacio; kaj ne estis mi* PERSONE, *kiu ne akceptis, sed H. E. A., laŭ opinio de la Asocio, reprezentata de mi, kiel prezidanto.* Paroli, laŭ faris S-ro. Orós, estas konscie *erarigi la Delegitaron;* publikigi la dirojn tiel, kiel oni faris, estas *erarigi la Konfederacianojn,* kaj ĉi tiun taktikon tute certe estos bone juĝota de la senpartiaj samideanoj.

Parolante tiu aludita bulteno pri la afero jam tute konata de la heaanoj per aparta dokumento dissendita kun la gazeto, saman konduton erarigantan disvolvas la artikolo «*Ĉu Hispana Esperanto Asocio deziras interfratiĝon?*» *Interfratiĝon* ne deziras tiuj, kiuj konstante atakas, cenzuras, kritikas eĉ ofendante, enmiksiĝas konstante en vivo alies, kaj erarigas. La Kongreso de H. E. A., en Madrido, rifuzis ne ĝustatempan proponon de S-ro. Soler, cedante ĝin akcepti, diskuti

kaj voĉdoni, kvankam la Kongreso povis rifuzi ĝin de la momento de la prezento, laŭ la regularo de la Kongreso, eĉ la Kongreso konsentis paroli kvarfoje favore je la propono, *kaj ĉi tiu propono celis prokrasti la* ĈEFAN CELON DE LA KONGRESO, *la* REGULARON *de H. E. A.* La Kongreso, post aprobo de la Regularo, akceptis proponon de S-ro. Escartín, la akcepto estis unuanima, pri KOMISIO (vidu raporton de la Kongreso) POR CELI UNUIGI LA HISPANAJN ESPERANTISTOJN SUR LA BAZO DE H. E. A., FORMANTE TIEL SUPERAN ORGANIZAĴON; sed la KOMISIO, laŭ dokumento de ĝi farita, *ne sukcesis, ĉar la celitaj organizaĵoj* DEZIRIS DAŬRIGI SAME SENDEPENDAJ, kaj la KOMISIO, certe gvidate de la plej bona deziro, PROPONIS KREI, LAŬ DEZIRO DE LA ALIAJ ORGANIZAĴOJ, SUPERAN KOMITATON. Por ĉi tio la Kongreso ne rajtigis la KOMISION; ĉi tion ne povis akcepti la Komitato de H. E. A. ĉar eĉ la proponitaĵo estas kontraŭ la REGULARO, kiun la Kongreso voĉdonis. Kaj la decido por ne akcepti la solvon tute malsaman je tiu de la propono Escartín ne estas opinio de *kvar personoj* (Centra Komitato), sed de la tuta Komitato, ĉar neniu el la Komitatanoj voĉdonis male; sed ankaŭ oni devas konstati, ke la REGULARO estas kiu ordonas, ke la decido de la Kongreso estis KREI SUPERAN ORGANIZAĴON (NE «SUPERAN KOMITATON», KIEL OBSTINE OPINIIS S-ro. INGLADA), ke la celo de la propono estis frakasata de la organizaĵoj alvokitaj, kaj ke H. E. A.-Komitato devis nur plenumi la decidon de la Kongreso kaj la Regularon. Jen, do, alia pruvo pri la erariga konduto de la gvidantoj de «*Progreso Esperantista*».

«*Unu decido kaj unu ago*» estas alia erariganta artikoleto de tiu bulteno. En la Kongreso de Sevilla, *kiel ĉiam, jes,* oni parolis pri la neceso havi kiel eble plej kompletajn vortarojn, ĉar estas de antaŭlonge malfacile havigi al si vortaron por nia lingvo kaj esperanto, *kaj rekomendi al S-r.o Inglada, kiel aŭtoro de vortaro, la aferon. Sed ĉu ĉi tiu decido kaj rekomendo signifas, ke H. E. A. devas helpi mone S-ron. Inglada?* Ne, tute ne: H. E. A. ne povas tion fari; neniam ĝi tion faris. Kaj jen tio, kion la verkisto diras en la fino de la artikoleto: «*Kaj ni diras ke ni ne surprizos pro tia propono ĉar ion similan ĵus proponis kaj atingis la prezidanto S-ro. Mangada por iu el siaj verkoj...*»

«*Iajn aferojn, havante determinitajn postenojn, oni ne povas akcepti kaj ankoraŭ malpli proponi...*» Ne mi kvalifikos, kiel ili meritas, ĉi tiujn dirojn tute malverajn, tion mi faros ĝustatempe kaj precizloke. Mi neniam proponis tiel; neniam la Komitatanoj de H. E. A. disponis

al mi la monon por eldoni verkon mian. Kalkuloj kaj aktoj parolas tute klare. Oni ne rajtas ludi kun honoro firmege starigita de ĉiama sindonema konduto; juĝu vi, senpartiaj samideanoj, kiuj de longaj jaroj konas min ĉe la Esperantismo, kaj novaj samideanoj aŭdintaj aŭ konintaj min.

Ankaŭ en la bulteno aperas artikolo de S-ro. Andrés Piñó pri NOVORGANIZO, en kiu la aŭtoro aludas nian Asocion. S-ro. Piñó diras, ke *honesta distanco apartigas lin* kaj liajn amikojn (la Konfederacion) *de iuj el la heaanoj*, kaj jen nova pruvo pri la bedaŭrinda sintenado de ĉi tiu S-ro. kaj de liaj kunlaborantoj, *ĉar ĉe H. E. A. ĉio estas tiel* HONESTA *kiel ĉe ili; ĉio estas konforma aŭ konformiĝanta al la honoro; ĉio estas, do, honorinda.*

Li, S-ro. Piñó, diras: «*la Nueva Organización no hará otra cosa que substituir a la U. E. A. en sus actuales funciones, y, la verdad, para esto no hace falta que nos aniquilemos con luchas fratricidas.*» («La Nova Organizaĵo ne faros alian aĵon pli ol anstataŭi la U. E. A.n por ĝiaj aktualaj funkcioj, kaj, vere, por ĉi tio, ne estas necese, ke ni nuligu nin per fratmortigantaj luktadoj», traduko litera). Facile estas prediki kaj sekvi vojon malsaman je tiu predikita; kial, do, S-ro. Piñó, ekzistante H. E. A., praktikas ĉe nia lando la malon, kiun li opinias por la internacia movado? Li diras, ke ĉiuj niaj Kongresoj nur laboris por novaj organizaĵoj enlandaj, kaj ĉi tio ne estas vera, ĉar en Madrido ni starigis firme la Hispanan Esperantan Asocion, kaj estis liaj kunlaborantoj tiuj, kiuj en Sevilla, Oviedo kaj Madrido fine, volis daŭrigi la laboron pri nova organizo; kaj pruvo pri ĉi tio estas la Konfederacio de li kaj liaj amikoj starigita, kaj kiun ni neniel atakas, ĉar ni preferas disvolvi la pure esperantan laboron, kies sukceson elpruvas multenombraj faktoj. Iru, do, la Konfederacio sian vojon kaj permesu ke H. E. A. iru sian, ĉar per ilia konduto, la Konfederacianoj elvidigas sian malamon al H. E. A., kiu ne sin okupas pri io Konfederacia se ne estus por helpi esperanton.

Estas rimarkinde, ke S-ro. Piñó aludas H. E. A.an, kiu aliĝis al U. F. E. kaj ne aludas la Katalunan Esperantan Federacion, kiu ankaŭ apartenas al U. F. E.

H. E. A. ne agas kontraŭ U. E. A., kaj celas, kiel ĉiuj aliaj naciaj organizaĵoj, ke en Kolnjo stariĝu tutmonda esperanta fronto en kiu estu entenata U. E. A.

Nenion pli, ĉar sufiĉas por ke la membroj de H. E. A. perfekte konsciu pri unuj kaj aliaj, kaj pri tiuj kiuj informas la Konfederacion.

JULIO MANGADA ROSENORN

## AL LA HISPANA INSTRUISTARO!

### (RILATAS AL KORESPONDO-PERADO)

Karaj gekolegoj:

La Internacia Asocio por Mondhelplingvo (IALA) en New York subtenas internacian korespondo-oficejon kun la centro en Berlin, Germanujo.

Peradate estas korespondado en Esperanto (kaj okaze ankaŭ en aliaj lingvoj) inter geinstruistoj kaj gelernantoj de ĉiuj landoj.

Ĉiu el vi, kiu serĉas korespondantojn por si mem aŭ por siaj gelernantoj, anoncu sin ĉe: Sinjoro Nemesio Sanz, Mélida (Navarra), kiu estas peranto por Hispanujo.

Kiam la peranto ricevos vian anoncon ĝis la 10ª aŭ la 25ª de ĉiu monato, li povos sendi al vi la disponeblajn adresojn jam post mallonga tempo.

La perado estas senpaga. Sed bonvolu aldoni al via anonco poŝtmarkon por simpla letero interne de via lando.

La anonco enhavu: informojn pri kompleta adreso, aĝo, speco de lernejo, en kiu vi instruas aŭ kiun viaj gelernantoj vizitas, nombro de la anoncitaj knaboj kaj knabinoj, deziritaj temoj kaj interrilatoj, adreso de la instruisto, kiu kontrolas la infankorespondadon.

Ni rekomendas al vi, diligente uzi la servojn de nia Korespondo-Oficejo kaj promesas al vi, fari nian plej bonan, por havigi al vi konvenajn korespondantojn. Ju pli vi partoprenos nian entreprenon, des pli ni kapablos helpi al vi.

Internacia Korespondo Oficejo.—Sekr.: Marta Moelke, Stindestrasse, 12. Berlin-Steglitz, Germanujo.

---

## —o— HACIENDO LUZ —o—

En lo que va de este año, venimos recibiendo avisos y consultas de muy diversos lugares sobre la creación de nuevas lenguas internacionales. En principio, no creímos que pudiera ser necesario dar a conocer nuestra opinión públicamente, y nos limitamos a contestar *poŝkarte;* pero como ya nos resulta bastante costoso y penoso responder a cada uno particularmente, nos vemos obligados a contestar aquí a todos

aquellos a quienes aún no se les escribió, y para que los que pretendan consultarnos lo sepan ya por anticipado.

Nuestra opinión es muy pobre; no creemos que pueda tener influencia alguna en el desarrollo de los sucesos; pero, ya que se nos pide con verdadera insistencia y de muchos lugares, no queremos ser descorteses con nuestros amables consultantes.

Hace ya mucho tiempo, cuando aún éramos jóvenes que dirigíamos nuestros pasos al *templo de Minerva*, en donde nos iniciábamos en los principios de matemáticas, mecánica y química, llegó un momento en que tropezamos con la cuadratura del círculo, el movimiento continuo y la piedra filosofal.

La idea de vencer algunas dificultades, insuperable para nuestros antecesores, se apoderaba de los tiernos cerebros, que se consideraban con más capacidad para llegar a completar el valor de *pi*. ¡Vaya cantidad de cuartillas, lápices y tiempo empleados! La serie de números se alargaba más y más indefinidamente; nada, imposible llegar al fin.

En mecánica pasaba lo mismo; el movimiento continuo, teóricamente, para algunos estaba resuelto; no había duda alguna; era un hecho con sólo que respondiesen los utensilios que lo habían de demostrar; pero, prácticamente, siempre había inconvenientes, que se achacaban a *defectos de construcción*, de péndulos, palancas, planos inclinados, reversibilidad de los dinamos, etc.; corregido un supuesto defecto, en seguida aparecía otro, muy pequeño, sí, pero que impedía lo que se deseaba; exactamente como pasaba en matemáticas con la inconmesurabilidad de *pi*.

Inútil detallar lo que ocurría en química, con la multitud de formulas, mezclas, combinaciones, amalgamas, aleaciones y electrolisis, realizadas, unas, meticulosamente sujetas al cálculo matemático, y otras, empíricamente. Por ninguno de los dos métodos aparecía por parte alguna la tan rebuscada aurificación.

Hasta que, con el cansancio, se daban cuenta de que la advertencia del autor de nuestros libros de texto, para que los alumnos no perdieran inútilmente el tiempo en esas investigaciones, era muy acertada.

Sin embargo, hubo, hay y habrá siempre quien se crea superior a sus antecesores, a pesar de los fracasos pretéritos y futuros, porque no se dan cuenta de que algunas investigaciones tienen su tope bien determinado.

Estos estudios *extraoficiales*, debidos a la buena fe y entusiasmo, servían de ejercicio a la imaginación para plantear otra clase de problemas y aficionaban para emprender otras investigaciones de más vuelo.

Siempre ha sido nuestro criterio aprobar cuantos trabajos se refieran al estudio de asuntos que beneficien a la humanidad. Toda clase de investigaciones científicas y literarias merecen nuestro mayor afecto, cuando van unidas a la buena fe, a los buenos deseos de acertar con algo útil, nuevo o extraordinario.

Por el contrario, rechazamos *a priori* todo cuanto se haga con segunda intención; todo lo que esté fundado en sistemática oposición, bien por cuestiones sociales o personales; todo lo que, sin valor intrínseco alguno, sea propagado aparatosamente, a falta de originalidad alguna esencial.

De ahí que cuando ocurren casos como el que nos ocupa, respecto al internacionalismo de alguna nueva composición lingüística, sepamos a qué atenernos.

Teniendo en cuenta los antecedentes históricos, nos agradan los trabajos del obispo Wilkins (1661), Becher (1661), G. Dalgarno (1661), Kirchener (1665), Leibnitz (1666), Porele (1667), Upperdorf (1680), Muller (1681), Besuier (1684), Lobkwitz (1687), Solbrig (1725), Delormel (1765), Kalmar (1772), Berger (1779), Ampere (1793), Vater (1795), Sicard (1796), Budet, Maimieux (1797), Wolke (1797), Chamboy (1797), Fry, Busch, Grotenfeld, Nather (1805), Niethammer (1808), Academia de Ciencias de Copenhagen (1811), Mesl (1834), Rensi (1840), Matraya (franciscano), Vidal (1844), Bachmaier (1852), Gaugengigi, Stephanus, Mezofante, Richter, Lauth, Walter, Grimm (1860), «Weltsprache» de Eichhorn (1861), Sinibaldo (1863), Gablenz, Paic, Serbo, Wild (1864), Sunderwal (1874), «Volapuk» del canónigo Schleyer (1881), «Langue Neolatine» de Courtonne (1883), porque todos ellos, con sus esfuerzos, dieron más relieve al triunfo conseguido por el Dr. Zamenhof con su Esperanto en 1887.

Desde esta fecha es cuando en todos los tratados de lengua cabe la nota en que se advierta a los alumnos que no pierdan el tiempo en nuevas combinaciones lingüísticas, que en nada mermarán el valor del Esperanto.

Prueba de esto son los posteriores proyectos, que hacen resaltar las buenas cualidades del Esperanto como punto culminante de los esfuerzos realizados durante doscientos setenta y cinco años; pues la decadencia de los reformistas es notablemente visible para quien objetivamente analice la «Nov Latin», del Dr. Rosa (1890); el «Dilpok», de Marchand (1898); el Ido, el Spokil del Dr. Nicolás (1903); el «Romanal», «Universala» de Heintzeler; el «Universal», de Melenaur; el «Occidental», de Wahl; el «Indiom Neutral», de Rosemberger; el «Blua Lingvo», de Bollack; «Lasinfle», de Peano (1904); «Medial», de Weisbart; «Novial», de Jespersen; «Kosmos», de

Landa; «Cosman», de Milner; «Glot», de Petrashevich, etc., los cuales todos retrogradan, de lo regular y sencillo, a lo irregular y complicado, y nos confirman y afianzan en *nuestra opinión* de que:

*La helpa lingvo internacia Esperanto* estas la sola, kiu plensukcese solvas la problemon, kiel elpruvadis kaj elpruvas la spertadon ĝis nun. Kia ajn alia propono nur estos fibagatelaĉa fuŝlingvaĉo fiasknaskita.

F. M. RUA

---

## UNIVERSALA FEDERACIO ESPERANTISTA (UFE)

Estas nepre necese ekagi por elpruvi praktike utilon de la organizo kaj de esperanto de ĉiaj vidpunktoj interrilatigantaj la homojn kaj diskonigantaj arton, komercon, industrion, sciencojn, turismon, k. c., t. e., starigante praktikan servadon kaj samtempe liverante materialon al propagandistoj. Al ĉi tiu celo la heaanoj devas konscii, ke ĉiuj estas simplaj membroj de UFE kaŭze esti membroj de HEA, sed ĉi tiu ne povas pagi kotizojn de aktivaj membroj (vidu en ĉi tiu gazeto pri la diversaj kategorioj kaj iliaj kotizoj), kaj estas necese ke HEA kalkulu en ĉiu loko almenaŭ unu aktivan membron de UFE kaj ke li prenu sur sin la taskon esti Delegito de UFE: la Delegito ricevos senpage anoncojn, gvidfoliojn, afiŝojn, cirkulerojn, ĉian materialon pri komerco, foiroj, turismo, k. c.; kaj ĉi tiu materialo ne estos propraĵo persona de la Delegito, sed deponita materialo al la dirita celo, kiun transdonos la eksdelegito al sia posteulo por daŭrigo de la agado, kaj ankaŭ la materialo estos ĉiam je la dispono:

- Ie. de la grupanoj (se estus Grupo ĉe la loko);
- IIe. de la esperantistoj ne aliĝantaj al Grupo de la Delegito (izolaj esperantistoj, laboristaj grupoj, k. t. p.);
- IIIe. de la komercistoj, industriistoj, turistoj, anoj de sindikatoj pri iniciataĵoj, k. c., de la urbo de la Delegito;

sed ĉiam la Delegito plenzorge atentos la rehavigon de la materialo, kaj por plej bona zorgo li *klasifikos* la materialon laŭ jena ordo:

- Ie. KOMERCO: por afiŝoj, reklamiloj, anoncoj, foiroj (de Parizo, Leipzig, k. t. p.).
- IIe. INDUSTRIO: por industriaĵoj, konstruado, k. c.
- IIIe. TURISMO: gvidfolioj, gvidlibroj, k. c.

Estas petataj la heaanoj pagi kotizon por aktiva membro sendanta la diferencon de la kotizo de simpla membro al tiu de aktiva, al la trezoristo de H. E. A., kaj sin proponi se li estus sola en la loko por la Delegiteco; kaj se estus kelkaj aktivaj membroj en la loko, elekti el ili la Delegiton kaj konigi la eleketon al H. E. A., por ke ĉi tiu konigu la Delegitecon al UFE, kaj ke la Delegito tuj ricevu la materialon. La Delegitoj bonege povos fari la servojn ĉar ili havos la jarlibron.

Estas rimarkinde konstati ke la Franca Societo por la Propagando de Esperanto kalkulas jam 150 Delegitojn (Konstanta Sekretariejo: 59, rue de Neuilly. Rosny-sous-Bois (Seine); la Brita Esperanto Asocio (High Holborn, 142. London, W. C. 1), 120 Delegitojn; ke la Esperanto-Centro Itala (Galleria Vitt. Emanuele, 92. Milano), kaj la Sveda Esperanto Federacio (Heleneborgspatan, 6 C. Stockholm), jam povas ricevi materialon por 60 Delegistoj, kaj ke baldaŭ en Japanujo kaj multaj aliaj landoj tuj estos pretaj la Delegitaroj.

La hispanaj Delegitoj tuj ricevos la jenan materialon:

## PRI.—KOMERCO:

1.—*Foiroj*

101.—Foiro de Parizo.
102.—Foiro de Leipzig (2 dokumentoj).

2.—*Industrio*

201.—Konstruado de domo.

## 3.—TURISMO:

30.—*Turismo en Francujo*

301.—Gvidfolio pri SAINT OMER.
302.—Gvidfolio pri BOULOGNE-SUR-MER.

31.—*Turismo en Italujo*

311.—Paska libertempo en Italujo (1933).—URGA.

32.—*Turismo en Britujo.*

321.—Informaro por vojaĝonto (Cook).
322.—Hotelo Bonnington en Londono.

33.—*Turismo en Arĝentino*

331.—Gvidlibroj por motoristoj en Arĝentino (je la dispono de la delegitoj de UFE ĉe la konstanta sekretariejo de SFPE — ĉiuj vojoj en Arĝentino.

## —o— RECENZO —o—

Esperanto-literaturo ĵus riĉiĝis per rimarkinda verko, kiun redaktis la tre eminenta esperant-verkisto Kolomano Kalocsay kun kiu sperte kunlaboris ankaŭ tre eminentaj esperanto-verkistoj: J. Baghy, K. Bodó, L. Halfa, F. Szilagyi kaj L. Totsche; ili elektis kaj tradukis versaĵojn kaj prozaĵojn el 50 famaj hungaraj aŭtoroj, kaj ili tion faris rimarkinde, transdonante tutpure spiriton kaj formon de la verkoj tiel, kiel estis esperinde: la «Hungara Antologio» estas altvalora juvelo akirinda de la samideanaro, pro sia riĉe varia enhavo en tute facila kaj laŭfundamenta stilo esperanta. La verko estas la unua volumo el la libroj de la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj (AELA), kun preskaŭ 500 paĝoj laŭ granda formato 23'5 × 15'5 cm., bona papero, multenombraj portretoj de la verkistoj.

M. Babits verkis la prologon aŭ enkondukan parton por vidigi la evoluon de la hungara literaturo.

Prezo: broŝurita, 12 sv. fr.; bindita, 14 sv. fr.; sed oni devas aldoni 10% por sendelspezoj. Tamen la prezoj por la AELA-anoj, pagantaj la malgrandan kotizon, la libro kostas nur iom pli ol la kvarono de tiu sumo, pro kio ĉiuj devas tre bone atenti kaj konscii pri la avantaĝoj al la anoj de AELA, kaj aliĝi tuj al ĝi.

La kovrilo de la verko estas trikolora kaj bela.

Mendu ĝin tuj al «Literatura Mondo». - Budapest (Hungría) IX., Mester ucca, 53 - V. 7.

## —o— DANKESPRIMO —o—

Je la nomo de nia samideano S-ro Julio Mangada Rosenörn, ni esprimas tutkoran dankon al la samideanaro kondolencinta lin pro la bedaŭrinda morto de lia amata filino Marina (k. p. r.).

## —o— —o— AVISO —o— —o—

Pronto serán distribuídos los carnets internacionales, que acaban de recibirse, a los miembros de H. E. A. que pagaron sus cuotas para 1933; y, por tanto, ténganlo presente cuantos no hayan recibido los cupones de pago para el corriente año.

# LA DRAGONOJ SEN OKULOJ

## (ĤINA RAKONTO)

En Nankin okazas granda festo solena, ĉar, je la tago de la festo mem, la granda Ĉang-Sengin ekdekoracios la kvar murojn de la Templo de la Paco kaj la Gajeco, ĵus konstruita pro imperiestra decido.

Ĉang-Sengin, krom sia nesuperebla majstreco por pentri, havis eksterordinarajn kvalitojn, li estis magiisto, ĉar estis mez-*Sennin* aŭ Adepto; oni diris pri li, ke li estis jam trinkinta la Eliksiron de l' Senmorteco aŭ de la Vivo; ke li scias direkti la flugantan dragonon kaj estis vizitinta sur ĝi la lastajn terlimojn kaj la naŭ ĉielajn regionojn. Neniu povis, do, diveni tutan magion elmontrotan de lia peniko, de la peniko de la Majstro...

Ĉi tiu alvenas al la Templo sekvata de siaj disĉiploj portantaj potojn da koloraĵoj, kaj ceterajn ilojn por la dia arto. La popolo, forlasinte siajn kutimajn laborojn, sin pretigas admiri la pentrontan maljunulon, kies trankvila, pacema kaj bonkora sintenado devigas ĉiujn riverenci lin respekteme, ĉar lia pentrarto, liaj pentraĵoj, estas la poezio enkarnigata, estas la mistero de l' *Tao* revivigita, la mirindaĵo altega kaj la ravo de la vivo. Je la unuaj penikbatoj de la Majstro, jam oni rimarkas la efektojn de l' dia Eliksiro!... Jen sola penikbateto kaj jen ankaŭ la makzeloj de la flava Dragono, tuta fajro el magio alteniranta, kvazaŭ la fajro devenus el sunkuŝiĝo. Nur ĝin rigardante, ŝajnas aŭdi la gloran kaj solenan Muzikon de la Sferoj; vidi la altegajn Loĝejojn de tiu Anĝela Dragono, de kie Ĉang-Sengin forprenis ĝin!

—Majstro—diras Lu-Ĉao, la disĉiplo, rigardante kiel Ĉang-Sengin tiel mirinde uzis la Magion—, kial vi ne pentras sur la profilo de la Dragono ĝian okulon dian?

—Ĉar se tiu ĉi Dragono estus povonta vidi kaj konscius pri la malgaja mondo al kiu ni ĝin alvenigis, ĝi tuj ekkurus al fulmaj regionoj el kiuj ĝi malsuprenirís.

—Kiel tio estas eble—rimarkigas Lu-Ĉao—tial ke ĝi nur estas pentraĵo kaj ne realaĵo? Majstro, sendube vi volas moki vian humilan servanton.

—Tute ne, Lu-Ĉao—subite diras Ĉang-Sengin—. Ankoraŭ ci ne havas sufiĉajn konojn pri l' misteroj de la Arto, kaj tial vi ne tion komprenas.

Sed Lu-Ĉao dubadas kaj bedaŭradas kore, ke la Majstro ne estis kompletanta sian verkon.

La flava Dragono, ja finita, kovras la tutan muron Sudan kaj el-

montras sian formon gloran. La popolo vidas ĝin kiel la superan povon, kiel simbolon pri la perfekta inspiro, kiel la dian penson viviganta la ĉielon, kaj sin diras:

—La ĉielo estas la legitima loĝejo de tiu estaĵo. Se le Majstro estus pentrinta ĝian okulon, je la momento ĉi tiun havi, ĝi estus flu-ginta al sia devenloko.

Tamen Lu-Ĉao obstine sekvas nekredema. La Majstro lin rigardas kompateme kaj sin diras pense: —Kvankam lia emo estas bona, neniam li estos artisto; mankas al li la Fido!

Oni translokigas la trabaĵon al kontraŭa muro, kaj sur ĝi ekkres-kigas la peniko de la Majstro alian Dragonon, ruĝan. De tempo al tempo, la Imperiestro mem Wa-ti, la Filo de la Ĉielo, vizitas la Templon por admiri la progresojn de la verko kaj antaŭ la Dia Estanteco de la Dragonoj ne toleris, nek toleras, ke riverencu lin la Sciulo, la magia Ĉang-Sengin, sed ankaŭ li demandas iam al ĉi tiu: —Kial la Sciulo lasis por la fino pentri al ili iliajn okulojn?

—Mia imperiestra Moŝto—diras Ĉang-Sengin—la okuloj de la diaj Dragonoj ne estos pentrotaj. Ni riskus, ke ili forirus, se ili vidus la lokon en kiu ili troviĝas. Ne estas, ja, viro kapabla pentri iliajn okulojn elmontrantaj kompatemon grandan tiel, kiel estas necesa por ke ili restos gardantoj de la Templo de la Paco kaj de la Gajeco.

—Certe—parolas la Imperiestro plena je Fido—. Sufiĉe bone mi povas rimarki iliajn dezirojn foriri kaj ĉieleniri. Ke ili restu ĉi tie, do, por la feliĉo kaj gardo de mia popolo.

Lu-Ĉao aŭskultis la konversacion, sed nek la fido de la Filo de la Ĉielo atingis lin konvinki.

—Kiel simpla makulo el koloraĵo povas senti nostalgion pri ĉiel-vivo?—Lu-Ĉao diradas al si mem.

La Majstro, divenante la sentojn kaj pensojn liajn, diras al Lu-Ĉao:

—Ci havas kapablecon kaj konstantecon, sed mankas al ci la Fido!...

—La sanktigonta tago estas proksima kaj Lu-Ĉao sin pretigas konstati la eraron de l' Majstro, kaj ke estas nenia Magio kapabla fari ke bildo pentrita sur muro viviĝos kaj forkuros. Li prenis lanternon kaj pentrilojn, kaj sekrete, nokte, sin direktis al la Templo.

—Neniu scios tion, kion mi faros. La popolo kredos, ke la spiritoj pentris la okulojn de la Dragonoj, ĉar ili certe ĉagreniĝis pro la verko nefinita de la Majstro.

Neniun li renkontis. La nokto estas senluma sed trankvila. Tamen, kiam li eksupreniras sur la ŝtuparo kaj ekpentranta la okulon li sentas tre malvarman venton, kiu, tamen rostigas, kaj, dum la ŝtuparo tremas, la vento forprenas lian penikon.

—Ĉi tio estas simpla superstiĉo—diras al si la obstina Lu-Ĉao—. Per iuj penikbatetoj pli la flava Dragono havos sian okulon.

Subita ekbrilegasfulmo kaj terurega tondro sonas, sed Lu-Ĉao pentras, pentradas kvazaŭ freneza.

Jus pentrita la maldekstra okulo de la profilo, kiam li rimarkas kun granda teruro tertremon, ke la ŝtuparo balanciĝas kaj ke la dia kapo de la Dragono jam kun siaj du okuloj, kvankam li nur pentris la maldekstran, majeste alteniĝas kvazaŭ la Dragono volus koni la lokon en kiu ĝin oni lokumis.

Momenton pli kaj la Dragono, ĉe vera tertremo, havas siajn flugilojn diajn kaj, kiel fajra trombo, sin ĵetas en la nigran spacon senliman, kiel belega luma meteoro, meze eeksplodbruado de l' tondroj, dum la malpia Lu-Ĉao blindiĝas kaj falas senkonscie...

La tuta loĝantaro de Nankin vekiĝas, terurigate de la nekomprenebla okazantaĵo kaj sin ĵetas en la stratojn. Ne komprenante la kaŭzon, la nankinanoj vidas ĉe la nigreco de la nokto kiel Mirindaĵo el ora Fajro trairas rapide la spacon kaj perdiĝas ĉe la zenito... ... ...
... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Sekvantan matenon, la Imperiestro kun la Majstro iras inspekti la ruinaĵojn de l' Templo de la Paco kaj de la Gajeco, sed ili nur vidas starantan parton de l' Norda muro. Cetero estas ruboj fumiĝantaj inter kiuj aperas la karbigita korpo de Lu-Ĉao.

—Ha!—diras malĝojege la Majstro, rigardante la kadavron—, neniam ĉi tiu malfeliĉulo estus fariĝonta Majstro! Kvankam bona kaj laborema, mankis al li la Fido! Tiu Fido removanta la montojn kaj kreinta la Mondojn.

---

## EL VASKA FOLK-LORO

ABELOJ ĉiam estis celo de scivolemeco. Ilia miriga organizado, la disdono de iliaj taskoj laŭ la aĝo, la ordo, la kuraĝo, la laboremo kiu regas la abelejon ĉiam altiris la atenton, same de la filozofoj kaj poetoj kiel de la popolo. Grekoj kaj romanoj ilin citas ame en siaj verkaĵoj kaj Maeterlink verkis pri ili unu el siaj plej famaj literaturaĵoj.

Vaskaj kamparanoj sentas por siaj abelaroj miksaĵon de amo kaj de kvazaŭ religia respekto, kiun ili ne sentas por ia ajn supera besto.

Kiam pro ia kaŭzo la abelaro ŝanĝas de propraĵo, la nova posedanto sin prezentas antaŭ la abelejo kaj kun plej granda respekto alparolas ĝiajn laboremajn loĝantojn:

—Abeloj, mi sciigas ke via mastro X mortis (aŭ cedis vin al mi) via nova mastro nomiĝas Y. Z.

Oni kredas ke, se tiel oni ne agas, la abeloj ofendiĝos kaj ĉesos labori, aŭ pli malmulte laboros ol antaŭe.

Tio, kio tamen preskaŭ ĉiam okazos, ĉar la abelbredado, kvankam simpla afero, havas siajn sekretojn, kiujn la nova mastro, nur iom post iom malkovros.

JUSNASKITAN INFANON minacas multaj danĝeroj, inter ili, plej grava, malbona sorĉo de malafabla feino; kaj ne nur en Perrault kaj Grimm'aj rakontoj, sed ankaŭ en valo «La Barranca» apud Araquil monto.

Tie vi vidos surporde en la domoj kie naskiĝis infano, kardan frukton (botanike Dipsacus fullonum). Sorĉistino venos nokte, sed antaŭ ol ŝi eniros sorĉi la infanon, ŝi devos kalkuli la semdornojn, peniga tasko dum kiu sendube ektagiĝos kaj ŝi devos forkuri, ĉar sorĉistino estas ja nokta estaĵo.

Ordinare la nunaj vaskoj nescias la misteran celon de la karda semaro, sed laŭtradicie, ĉiam oni metas la frukton ĉe la pordo de la jusnaskita infano.

A. N. D.

---

## HISTORIO DE LA NULO

Ankaŭ la humilaĵoj kaj la malgrandaĵoj havas historion. La nulo spite de sia malgraveco kaj humileco havas interesan historion.

Oni scias certe, ke la homo atingis, tre malfrue, post senĉesa kaj labora evoluado, ideon pri la simbola reprezentado de la numeroj, la interkonsentan grafikan signon.

¡Kiom da jarcentoj estis forpasintaj ĝis kiam la homa cerbo formis tiun simplan komprenaĵon! Kaj nenio pli interesa ol la psikologia disvolvado de ĉi komprenaĵo, tie ĉe la sekreta kaj mistera funkciado de la cerbaj ĉeloj: mirindaj laborantoj de la penso.

Oni diras ke dum la unuaj jaroj de la VII^a^ jarcento, jam oni uzis en Eŭropo la naŭ ciferojn; kvankam ĉi tio ne estas sufiĉe konstatata. Sed estas tute certe, ke se oni solvis malfacilegajn problemojn, ĉar

ankoraŭ ne estis elpensata la nulo. Laŭ opinio de Seviñe (Sevinje) —historiisto de la civilizacio—, ŝajnas nedubeble ke estis la araboj —kiuj tiel grandajn servojn faris al la sciencoj—la elpensintoj de la grafika simbolo nulo, nea esprimo, per kies kombinado kun la ceteraj ciferoj, en fiksita ordo, oni ŝanĝas interkonsente kaj simple la valoron de la kvantoj. Oni atribuas al la hispana rabeno Aben Ezra, el Toledo, fama matematikulo, la fruecon de la uzado en Eŭropo pri la ciferoj nomataj arabaj, la klarigadon kaj uzadon de la nulo, en aritmetiko verkita de li la jaro 1093ª. Oni vidas, tiel do, ke en la kronologia ordo—kaj eble ankaŭ en la psikologia—la nulo estis la lasta el ĉiuj grafikaj simboloj elpensitaj de la homo por esprimi la kvanton tutplene.

Hodiaŭ..., apenaŭ oni rimarkas la grandegan gravecon de ĉi signo, tiel simpla, kiu ne havas propran valoron, ĉar ni ne koncias bone la malfacilaĵojn, kiujn ĝia mankado kaŭzis nek la gravajn celojn, kiujn ĝi plenumas. Hodiaŭ..., apenaŭ ni rimarkas la grandajn barojn kaj nekonvenaĵojn, kiuj aperis al la famaj matematikuloj de la antikvaj tempoj, kiam ili faris kalkulojn, trudante eble lacigajn penojn al sia cerbo.

Kaj kiom simpligis kaj faciligis la elpenso de la nulo la matematikan laboron! Oni povas jesi sendube, ke tiu elpenso reprezentas rimarkindan progreson en la nombroscienco.

La nulo valoras neniom, oni diras, tamen, forigu ĝin momente el la Aritmetiko, kaj vi konscios kiom da malfacilaĵoj alvenas eĉ ĉe la plej simplaj kalkuloj.

Ne estas, do, troe dir,i ke la trezora elpenso de la humila nulo, estas mirinda pruvo de la homa genio.

*Esperantigis:* J. BUZON

(El la gazeto *Armas y Letras.*)

## KURIOZAĴOJ

*Elektra altiro sen magnetismo kaj sen fero.*—Je 1917, du danaj inĝenieroj Alfred Johnson kaj Knud Rahbek, de Konpenhago, elkaŝis ĉi tiun elektran altiron. Post du jaroj la rajtojn de la elpensitaĵo havigis al si la firmo Dr. Erich F. Huth, Societo por la industrio pri la senfadena Telegrafo, kiu daŭrigis la eksperimentojn. Oni pruvas ĉi tiun altiron per tute simpla eksperimento, kiu konsciigas ĝian praktikon kaj

utilecon financan: oni lutas al ordinara ŝtono litografa kovrita de tre maldika lameno el stano maldikan metalfadenon, kies ekstremon oni kunigas al iu el polusoj de luma instalo; oni ligas al la alia poluso similan metalfadenon, kies libera ekstremo finiĝas per plata plako el latuno; oni metas la ŝtonon kaj plakon tuŝante unu la alian, kaj tuj naskiĝas konstanta elektra fluo kaj la ŝtono restas forte altenata al la plako. Se oni interrompus la fluon, la forta alteno ĉesus. Sama fenomeno okazas se la plako estas el kiu ajn alia metalo; eĉ du ŝtonoj altiras unu la alian, kaj anstataŭ ŝtono povas esti alia kiu ajn substanco posedanta iom da kondukebleco, kiun oni povas atingi per artifika maniero. La altiro estas pli diversa ol tiu de la nunaj magnetoj por kiuj nur oni povis uzi la feron. La elektra fluo, kiu produktas la altiron, estas eksterordinare malgranda, ĉar la necesa energio estas 300 aŭ 400 fojojn pli malgranda ol tiu kiun bezonas elektromagneto por produkti saman efekton, kaj jen la utilo profitdona de la elpensitaĵo.

Se oni uzus anstataŭ la plata ŝtono cilindran ŝtonon, oni atingus pli grandan aŭ fortan altiron. Konsciu, do, la gravecon de la elpensitaĵo por la telefono kaj telegrafo kun aŭ sen metalfadenoj kaj por aliaj aplikoj elektraj.

———o———

*Arkeologiaj eltrovoj en Meksikio.*—Profesoro el Nacia Muzeo de Meksikio eltrovis en la ŝtato Guerrero kaj en tombo tri maskojn, unu el turkisoj. Ĉi tiu estas 21 centimetre alta kaj 20 centimetre larĝa kovrita de plaketoj el turkisoj kun enmetitaj koralaĵoj sur la brovoj kaj sub la nazo. La okuloj estas el perlkonko kaj aliaj pupiloj el hematito, tiel refektantaj la lumon, ke ili donas sensacion pri vivo. Oni taksis ĝin 5.000 dolara.

Similaj maskoj nur ekzistas en la Muzeoj de Romo, Berlino kaj Londono, kaj ili devenas de tiuj kiujn Hernán Cortés, la almilitinto de Meksikio, sendis al Karolo I^a^ de Hispanujo kaj V^a^ de Germanujo.

Post vastaj elfosaĵoj en San Juan de Ecotihuacan (Ŝtato de Puebla), oni eltrovis tre antikvan urbon historian, kiu enhavas grandiozajn monumentojn, kiuj altiros la atenton pri historiaj kaj arkeologiaj studoj tial ke per ili oni konscias pri la grandiozeco de la pasintaj civilizoj amerikanaj.

Oni elkaŝis avenuon je sep mejloj longa kaj kiu estas tre larĝa, kiun oni alnomis «strato de la mortintoj»; piramidon, kiun alnomis «Piramido de la Luno» kaj kiu staras centre de placo pavumita de indiĝena cemento tro resistanta, kiu persistis spite de la jarcentoj.

Ambaŭ flanken de la avenuo staras kvazaŭ 38 montetoj kiuj estas veraj monumentoj, ĉar oni esploris unu el ili, kaj oni konsciis ke ĝi estas templo kiun oni dediĉis al Agrikulturo, kies arkitektura stilo estas belega. Oni daŭrigas vigle la elfosaĵojn.

———o———

*Nova metodo por kuraci la tuberkulozo.*—En la Medicina Akademio de Parizo, S-ro Coutieres legis raporton pri «Inhalo de kalka polvo kaj la tuberkulozo».

S-ro Coutieres observis, ke la laboristoj de la fornoj por fari la kalkon ne estas atakataj de la malsano, kaj tial li celis atingi saman atmosferon kiel tiun, kiu ĉirkaŭas la fornojn, t. e., varman kaj sekan kaj saturatan de polvo de *vivanta* kalko, de kalka polvo kaj de anhidrida acido karbonika. Lokumante malsanulojn en tiu atmosfero, li trafis kuraci multajn personojn. D-ro Mercier Mary ankaŭ atingis saman sukceson.

———o———

*Hipnotismo kaj Sugestio.*—Sekvo de kuracado de soldatoj faritaj de Inĝeniera Kolonelo Bernardo Cabañas, per sugestio, en hospitaloj de Málaga kaj Melilla, ĉi tiu S-ro faris paroladon klarigantan la fenomenojn, kiujn la scienco nomas hipnotismo, katalepsio, sugestio kaj telepatio, diveno de la estonteco kaj spiritismo, ne starigante diferencon inter la du grupoj, male, ilin prezentante kiel serion el fenomenoj obeantaj saman kaŭzon. Li klarigis per sia doktrino «Radiopsikeco» la fenomenojn kaj li opinias, ke la teorio pri la *elektronoj* klarigas la originon de la vivo, ĉar la kreado de la materio kaj de la spirito devenas de la kondenso de la elektronoj.

———o———

*Amputo de la cerbo.*—En la Madrida Hospitalo «Niño Jesús» la kuracistoj jam faris multenombrajn amputojn de la cerbo sed neniu el operacioj estis tiel grava kaj interesa, kiel tiu kiun faris D-ro Hinojar, pri kiu la D-ro parolis en la Medicin-Kirurgia Akademio de Madrido. Infano dekjara suferis aŭdan malsanon kiu pusigis la aŭdon kaj kiel sekvo venis absceso en lian cerbon. Estis necese plivastigi la abscesôn kaj eltiregi grandan parton el nerva teksaĵo. La infano tute resaniĝis, kaj malgraŭ la kripliĝo lia stato estas tutplene normala. Jen ekvojo por ke la bisturio povu operacii en la nervaj centroj.